27 MARTO 1907. Unu Numero : 10 CENTIMOJ TRIA JARO. — No 4

# ★ ESPERANTO ★

DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

**ABONO**
Unu Jaro . . . . . . . . . . . . 3 fr. 2 1/2 m. 2 1/2 ŝ.
Helpabono. . . . . . . . . . . . 10 fr. 8 m. 8 ŝ.
Oni abonas ĉe la Administracio
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève
aŭ ĉe la lokaj agentoj.

**DIREKTORO :**
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)
Bulgara Eldono : N. F. Kovaĉef, Sofio

**REKLAMO**
1 paĝo . . . Fr. 240.— ‖ 1/4 kolono . . . Fr. 16.—
1 kolono . . . » 60.— ‖ 1/8 » . . . » 9.—
1/2 » . . . » 30.— ‖ 1/16 » . . . » 5.—
25 % por 12 anoncoj ; 50 % por 24 anoncoj.
Ĝenerala Agento : G. WARNIER, 46, Rue Sainte-Anne, Paris, 2e.

## Kiel uzi Esperanton ?

*Nia celo. — Kiu bezonas nun lingvon internacian ? — Nia nombro. — Utiligi la nunajn elementojn. — Duobla celado.*

Sub tiu ĉi titolo, ni intencas resumi la diversajn ideojn, kiuj, ĉu en tiu ĵurnalo, ĉu en aliaj, estis elmetitaj de diversaj samideanoj rilate al la praktika kaj tuja uzado de Esperanto. Ni priparolos nur la ideojn, kiuj, laŭ nia opinio, estas facile realigeblaj, sen granda penado, sen grava monelspezo, uzante la nun kreatajn peresperantajn entreprenojn, kies celo estas la akcelo de la praktika uzateco de Esperanto. Ni sekvigos ĉiun artikolon pri ia difinita temo per demandaro adresota al la interesebluloj, t.e. konsuloj, Esp-Oficoj, k.t.p ; ni esperas, ke ili bonvolos helpi nin respondante niajn demandojn siatempe ; la respondojn ni alcentrigos por publikigo. Aliparte, en nia speciala fako *Esperanto Praktika*, ni estos feliĉaj raporti pri ĉiuj realigitaj *faktoj*, kiuj koncernas la jamajn aplikaĵojn de Esperanto kaj ni tre petas niajn amikojn, ke ili bonvolu komuniki al ni ĉiujn *iniciatojn*, ĉiujn *provojn* efektivigitajn, ĉar ni konsideras, ke la ideoj aŭ montroj, kiujn ni proponas, estas tute vanaj, se ili ne estas sekvataj per provoj kaj faroj.

* * *

Antaŭ ol enfakiĝi, ni unue konsideru tiujn, por kiuj, almenaŭ en la nuna tempo, lingvo internacia estas nepre necesega. Ni parolas pri necesegeco, kaj tute ne pri utileco. Ni do ne celas tiun gravan parton de la homaro, al kiu la helplingvo alportos sennombrajn profitojn, ĉefe en kampo intelekta, sed nur tiujn homojn, kiuj vere sentas la akran bezonon de internacia komunikilo. Al la supra demando, oni sendube tuj respondos : la komercistoj plej bezonas internacian lingvon. Sed, se oni konsideras la nunan staton de la komercistaro, oni konstatos, ke ja ne la tuta komercistaro, sed nur malgranda parto vere sentas la bezonon de helplingvo. Efektive, en vilaĝo, en urbeto, eĉ en granda urbo, estas multaj negocistoj, aferistoj, kiuj posedas pure lokan aŭ regionan entreprenon, kiuj sekve rilatas kun tre malmultaj, se ne kun neniu, entrepreno en eksterlando, aŭ tion faras nur per naciaj pli gravaj firmoj. Tiuj ĉi lastaj, kiuj senĉese rilatas kun la fremdlando, kontraŭe tre sentas la necesegecon de komuna lingvo, kiu evitus al ili sennombrajn perdojn de tempo kaj mono. Sed, inter ĉiuj oficistoj, okupataj en la diritaj firmoj, oni devas elekti nur kelkajn, tiujn, kiuj zorgas pri la internacia korespondado. Sekve, estus, dum longa tempo, sufiĉe, se en ĉiu grava firmo, troviĝus unu persono, kiu povus korespondi aŭ paroli Esperante. Ni ankaŭ rimarku, ke la uzado de Esperanto en la komerco estos ĉefe skriba ; ni insistas pri tiu punkto, pri kiu ni reparolos en la estontaj artikoloj. Oni do vidas, ke, inter tiom da komercistoj en la mondo, nur malmulto estas rekte interesota de Esperanto, ke la homoj, por kiuj ĝi estas necesega, ĝin bezonos precipe por la skriba uzado.

Post la komerco, oni parolas pri la vojaĝoj. Tre certe la vojaĝoj fariĝas ĉiam plikaj-pli multaj, sed inter tiom da vojaĝantoj oni devas formeti multajn personojn, kiuj vojaĝas nur tre malofte en sia vivo kaj multajn personojn, kiuj vojaĝas tra sia lando kaj do neniel bezonas helplingvon. Restas la personoj, kiuj vojaĝas eksterlande ĉu pro siaj aferoj, ĉu pro siaj plezuroj. En tiuj okazoj, ĉiu vere sentas la bezonegon de lingvo internacia. Sed estus, nuntempe, tute kontentige, se en la gravaj hoteloj aŭ magazenoj estus nur unu oficisto esperantista, se la fremdulo povus per plej sciigoj sin turni al difinitaj personoj. Ni rimarkigu, ke, en tiu okazo, la uzado de Esperanto estos pli skriba ol buŝa, ĉar la sciigoj la plej ofte petataj, povas esti resumitaj sur speciala gvidlibro.

Super la ĉiuspecaj komercistoj estas la sciencistoj kaj sciencamantoj, kiuj unanime konsentas la baron de la diverslingveco. Por tiuj Esperanto estas necesega, sed en la mondo kiom da scienculoj kompare kun la milionoj da homoj kiuj estas ekster ĝi ? La komerco kaj la industrio, la movado de la fremduloj, eĉ la scienco estas duone naciaj kaj, en ĉiuj tiuj fakoj, nur malplimulto havas profesian intereson al Esperanto. Kontraŭe, en la jam tute internaciaj entreprenoj, kiel oficoj, samprofesianaj asocioj, societoj, k.t.p. ĉiuj aŭ preskaŭ ĉiuj bezonas Esperanton, sed ne en sia ĉiutaga vivado. Lingvo internacia liveros al ili profiton ĉefe en la kampo de l'ideoj, kiel potenca diskonigilo kaj propagandilo. Tie ni eliras el la limoj de la praktika kampo, pri kiu ni celas paroli.

Kiam la publiko ŝajne mokas la kelkajn milojn da esperantistoj kompare kun la milionoj da homoj, kiuj tute ne estas ankoraŭ esperantistaj, ĝi, laŭ nia opinio tute eraras, ĉar ne nur ne ĉiuj homoj havas egalan intereson pri la enkonduko de helplingvo, sed ankaŭ multaj estas, kiuj ĝin ne bezonas nuntempe. Jes, eble, post cento da jaroj, multaj homoj devos koni la lingvon internacian, sed hodiaŭ estas sufiĉe se ni estas kelkaj miloj, kiuj klopodas laŭeble por jam uzi nian interkomunikilon. Ni sciu lerte utiligi la elementojn, kiujn ni posedas, ni tute ne konfesu, ke ni nenion povas fari ĉar ni nur estas kelkaj miloj en la mondo, ondeto en la maro, sed ni pli vole konfesu, ke ni ne faras ĉion, kion ni povus fari, se ni scius taŭge uzi niajn nunajn fortojn, kaj ilin aldediĉi al la diversaj celojn, kiujn ni devas trafi. Ni ne nur okupu nin per la varbado de novaj adeptoj, sed ankaŭ per la organizado de ĉiuj servoj, kiujn ni povas fari dank'al nia nombro kaj utiligante tion, kio jam ekzistas.

En la venonta artikolo, ni ekzamenos kion ni, per niaj propraj nunaj rimedoj, povas fari por akceli la enkondukon kaj uzadon de Esperanto en la komerco.

H. HODLER.

# TRA LA MONDO

### Aŭstrujo.

Praha, marto 1907.

La plej ĉefa politika okazintaĵo en Aŭstrujo estas la reformo de elektado en la imperian parlamenton. Oni ĝis nun balotis laŭ sistemo enkondukita de Schmerling en 1860 laŭ 5 klasoj. La agado pri reformo komencita per grandaj manifestadoj de l'socialista partio precipe en Wien kaj en Praha (unutaga ĝenerala striko en tuta Aŭstrujo la 28/II/05) finiĝis post unu jaro kaj la balotreformo estis akceptita sinsekve de la deputatara (1/12/06 kaj de la nobelara parlamentoj (21/II/07). De nun povos do ĉiu dudekkvarjara, bonfama, aŭstra ŝtatano elekti deputaton por imperia parlamento, se li dum unu jaro daŭre loĝis en ia baloto-distrikto, kaj ĉiu, kiu estas pli ol tridekjara, estos balotebla. Koncerne tion, la balotrajto estas egala. Universala ĝi ne estas, ĉar virinoj, ekzemple, povas nek elekti, nek esti elekteblaj. ; sed ĝi eĉ ne estas egala, ĉar la leĝo enkondukas malegalajn baloto-distriktojn, kiuj elektas unu deputaton, kaj faras malgrandajn germanajn distriktojn, por ke ĝia nombro estu pli granda ol la nombro de la slavaj.

En Bohemujo, ekz., elektos unu deputaton nur 42.000 germanoj, sed 52.000 ĉeĥoj. Do germanoj ricevas proporcie multe pli da deputatoj ol la aliaj nacioj, nur por ke la germana ŝajno de Aŭstrujo estu savita. En parlamento estos 516 deputatoj. El tiuj, havos germanoj 233, t. e. 45 %, kvankam en Aŭstrujo vivas nur 35 % da germanoj. La ĉeĥaj deputatoj povis per parlamenta obstrukcio malebligi la efektiviĝon de la reforma leĝo, sed la plej multo da ili ne volis tion fari, ĉar ili preferis plenumon de demokratia progreso ol nacian intereson, esperante, certe prave, ke la nova popola parlamento forigos poste ankaŭ nacian malpravaĵon. Tiel per oferemeco de ĉeĥaj deputatoj estis finita grava progreso.

Koncerne la leĝon mem, estas rimarkinde, ke laŭ ĝi povas provincaj parlamentoj (kiuj ankoraŭ estas balotataj laŭ kvinklasa sistemo) decidi, ke, en sia provinco, la voĉdomo estos deviga. Tiun rajton uzis jam provinca parlamento de malsupra Aŭstrujo kaj decidis. ke la voĉdomo estos deviga. Se iu, sen bona senkulpiĝo, ne alportas sian balotilon, li devos pagi monpunon da 2-50 Kr. Oni antaŭvidas, ke ankaŭ aliaj provincaj parlamentoj decidos simile. Kompreneble, oni disputas en ĵurnaloj pri tiu nova kaj nekutima leĝo pri balotaltrudo, kiu, escepte en Belgujo, estis jam enkondukita en nenian eŭropan regionon. La germanaj « kristanaj-socialistoj », konservativa partio, ĉefe penis por ĝia enkonduko. Progresemaj partioj ne aprobas la balotaltrudon.

La baloto okazos la 14an de majo, mardon, do en ordinara labortago, kvankam socialistoj postulis, ke la balotado okazu dimanĉon, kiam oni ne laboras. Kompreneble, ĉe ĉiuj 12 nacioj aŭstrujanaj, ĉiuj partioj pretigas sin por la balota batalo. Precipe, la socialistoj pensas, ke multaj iliaj kandidatoj estos elektitaj, sed la rezultatoj de « universala, egala, rekta, sekreta balotado » tre ofte diferenciĝas de la esperoj, kiel montras ekz. la lastaj balotoj en Germanujo. Tial neniu povas ion profeti pri la estonta aŭstra parlamento. Nur tio estas certa, ke la tago de ĝia kunveno sigifos komencon de nova epoko en aŭstra historio.

S. K.

* * *

Leitmeritz, marto 1907.

Ne nur la politika vivado estas nuntempe tre vigla en Aŭstrujo ; ankaŭ la komerco estas en plena movado. La fabrikejoj estas senescepte tre okupataj kaj ne povas sufiĉi la bezonon. Uzante tiun favoran okazon, la fabrikistoj kaj la gravaj komercistoj faras trustojn kaj, kompreneble, pligrandigas ĉiujn prezojn. Post la ekspozicio en la bohema industria urbo Reichenberg, en kiu la centra germanbohema esperantista societo ricevis la oran premion de la komerca ĉambro, oni intencas aranĝi de la mezo de majo ĝis la mezo de septembro ekspozicion de la eltrovaĵoj, en kiu estos elmontrataj la diversaj ĉiulandaj elpensaĵoj el ĉiuj fakoj.

* * *

La disvastiĝo de Esperanto tre prosperas en nia lando, speciale en Bohemujo, kie la Reichenberga societo kun S-roj Richter kaj Rudolf laboras vigle kaj senlace. Preskaŭ 10 novaj grupoj naskiĝis post la IIa kongreso. La supre nomita Reichenberga esp. grupo aranĝas tre ofte paroladojn kaj fariĝas le centro de l'germanbohema esperantismo. P-ro Lederer, direktoro de la Urania-teatro en Prag, organizas germanan esp. klubon por ke fine ankaŭ la ĉefurbo, en kiu niaj ĉeĥaj samideanoj tiel bone propagandas, posedu ankaŭ ian esperantistan societon. Niaj samcelanoj laboras ankaŭ sukcese en la aliaj partoj de Aŭstrujo, en Gratz, Auerbach, Wien, Brünn, k.t.p. Oni fine preparas la fondon de granda aŭstra esperantista unuiĝo. En la plej multaj lokoj, ekzistas jam konsulejoj, kiuj tre bone servas al la afero. Tiamaniere, oni povas esperi, ke Aŭstrujo baldaŭ estos tiel bone organizata kiel la aliaj landoj. Tre verŝajne, ĉeestos kelkaj delegitoj ĉe la Kembriĝa kongreso, ĉar kelkaj grupoj germanbohemaj ŝparas monon por ebligi almenaŭ al unu ano la veturon al Anglujo.

W. HELLER, konsulo.

### Francujo.

Parizo, marto 1907

Al la demandoj pri la deŝtatiĝo de la eklezio kaj la laŭrenta imposto, estos baldaŭ aldonata tria alia demando, kiu elvokos sendube novan politikan agitadon : la rajto de la oficialaj instruistoj al la sindikata asociiĝo. La antaŭa ministrarestro Rouvier kontraŭstaris tian rajton ; la nuna ministraro ne ŝajnas pli favora. Kio ajn estas, kelkaj instruistoj provis fondi sindikaton ; la ministro de la publika instruado malpermesis ; la instruistoj reprotestis : baldaŭ la afero estos diskutata en ia ajn formo ĉe la parlamento, kaj certe kreos novajn malhelpojn al la ministraro, kiun en tiu okazo tre forte subtiros la maldekstrumaj kaj socialista partioj, ĉar la registaro tute ne akceptos ian rajton, kiu implikas vole-nevole la rajton de la instruistoj kaj pli ĝenerale de la ŝtataj oficistoj al striko.

* * *

Pri kio paroli, se ne pri la ĵusa striko de la elektristoj ? Dum du vesperoj, la grandega lum-urbo estis lumetigita per la vagemaj briloj de la malnovaj bruligiloj ; se oni ne estus aŭdinta la ŝercojn kaj mokridojn de la senlumaj Parizanoj, oni povus kredi, ke ia terura malfeliĉo milita ĵus kaptis la urbon. La loĝantaro akceptis tiun mallumiĝon, se ne kun ĝojo, almenaŭ kun rezignacio bonhumora, ĉar ĝi bone konsciis, ke tio ne povos daŭri dum longa tempo. Efektive, post du tagoj, la elektraj lumigiloj brilis denove per sia elradiema helo. Sed, tamen, tiu okazintaĵo efikis malagrablaĵojn diversajn, ĉefe por la ĵurnaloj, kaj por la teatroj, sekve por la geaktoroj, kaj ankaŭ la aŭtoroj... Tio montris ja klare, kiel ia ajn neregulaĵo en la ĉiutaga vivado de niaj modernaj urbegoj efikas konfuzon kaj malordon.

* * *

Apenaŭ estis finita la nomita striko, terura ŝipeksplodiĝo altiris la atenton de la publiko, de la tuta franca popolo. Pri ĝi sufiĉe parolis la ĉiutagaj gazetoj, kaj ĉiu estas sufiĉe informita pri la malĝojaj detaloj de tiu okazintaĵo. Denove, oni povis konstati kiel, per la gazetaro, novaĵo estas fulmorapide konata de tuta loĝantaro, eĉ en siaj detaloj. Mallonga depeŝo sekvata de pli longaj depeŝoj, poste longaj detaloj kun plenegaj sciigoj, intervjuoj, specialaj enketoj, ĉaso de la gazetistoj al la ne ankoraŭ anoncitaj teruraĵoj, interregnestraj kondolencoj, ne enkalkulante la ilustritajn revuojn, kiuj prenas sur sin la taskon montri la okazintaĵon al ĉiuj homoj — pli-malpli precize kompreneble.

* * *

Tiuj ĉi diversspecaj novaĵoj silentigis pri nova venko de la feministinoj : la veturigistino. Tio ĉi estas interesa ne nur en moda, sed ankaŭ en lingva vidpunkto. Gravaj ĵurnaloj demandis eminentajn Akademianojn, kiel oni devas nomi la no-

vajn kondukistinojn, ĉar, oni scias, kvankam la franco estas ĝenerale virinema, la franca lingvo estas tiel malfeminismema, ke ĉiufoje, kiam virino ekokupas metion, ĝis nun ne prilaboritan de siaj samseksaninoj, oni estas treege embarasata por doni nomon al la laborantinoj en tiu nova metio. Tial oni demandas Akademianojn altrangajn, kiuj, kvankam ili malŝateme parolas pri la lingvaĉoj artefaritaj, volonte proponas ian vorton ; laŭ la spirito de la domokratio, la popolo, tio estas la uzantoj, decidas ! La feministinoj plezure konstatos, ke en Esperanto, tia malfacilaĵo ne ekzistas, kaj ne estas iel antaŭvidebla ; tio povu altiri al nia afero, se ne la feministinojn, almenaŭ la virinojn !

B. T.

## Tutmonda Kroniko

*Februaro. 28. (Argentina Respubliko).* — Terura uragano detruas la urbon Rafaela (Santa Fé).

*Benadir (Orienta Afriko).* — Konflikto inter Italoj kaj gento Bimal ; 225 mortintoj.

*Harbin (Siberujo).* — Konfliktoj inter la Rusoj kaj Tungusoj.

*Marto. 2. Londono.* — Balotoj por la renovigo de la urba konsilantaro ; estas elektitaj 78 konservativuloj kaj 40 liberaluloj. Venko de la konservativuloj.

*Nov-Jorko.* — Dinamita eksplodiĝo, kies skuo etendiĝas ĝis 26 kilometroj ; 20 mortintoj.

*4. Schwerin.* — La Granda Duko donas modernan konstitucion al la regno.

*5. Peterburgo.* — Solena inaŭguracio de la Dumo. S-ro Golovin estas elektita prezidanto.

*7. Romo.* — Mortas la juĝa ministro.

*8 & 9. Parizo.* — Striko de la elektristoj. La urbo restas en la mallumo.

*8. Bukaresto.* — Mortas S-ro Triandol, prezidanto de la deputataro.

*Urugvajo.* — D-ro Gillot formas la novan ministraron.

*10. Nov-Jorko.* — Mortas Dowie, la profeto de la urbo Sion.

*11. Parizo.* — Mortas Casimir Périer, eksprezidanto de la franca respubliko.

*Sofio.* — La prezidanto de la ministraro, S-ro Petkof estas inside mortigita.

*11. Parizo.* — Diskuto ĉe la Parlamento pri la striko de la elektristoj. Paroladoj de S-roj Clémenceau kaj Jaurès.

*11. Hispanujo.* — Balotoj. Estas elektitaj : 302 konservativuloj, 131 liberaluloj, 39 respublikanoj, 13 Karlanoj, 13 demokratoj, 24 diverspartianoj.

*12. Toulon (Francujo).* — Eksplodiĝo de la kirasŝipo « Jena » ; 118 mortintoj, multaj vunditoj, grava malgajno.

*13. Johannesburg.* (Sud-Afriko). — Dereliĝo de vagonaro ; 12 mortintoj, vunditoj.

*15. Ohio (U. S. A.).* — Superakvado de Ohio. Pereas centoj da homoj kaj bestoj. Miloj da homoj sen rifuĝejo ; 50 milionoj da malgajno.

*Finnlando.* — Balotado al la regna deputataro laŭ la nova leĝo.

*Peterburgo.* — Elfalas la plafono de la kunvenejo de la regna Dumo.

A. Tellini.

# INFORMOJ

### Edukado.

*Enketoj*-La modo estas por la enketoj. Cetere, ili estas ofte tre interesaj. En Francujo, nun, oni multe enketas pri la abiturienta diplomo (baccalauréat). Tiun ekzamenon (nomitan bachot (baŝo) de la studentaro) unuj volas forpeli kaj aliaj deziras konservi. Niaj legantoj, kiuj sin interesas pri la demando legu la grandan enketon aperintan en « La Revue universitaire ». Per ĝi ili aŭskultos la *porsonorilon* kaj la *kontraŭsonorilon*. Alia enketon ne nur nacia, sed internacia estas nun farata pri la instruado kaj edukado en la bone konata ilustrata revuo « Tra la Mondo ». Per ĝi oni povas kompari la kutimaron kaj la regularon de ĉiuj lernejoj de la tutmondo. Precipe, la edukistoj interese legos sciigojn senperajn de la infana vivado ĉe la lernejoj popolaj de Finlando, Bohemujo, Tahitio, Japanujo, k. t. p. Eĉ ili vidos per belaj fotografaĵoj la geinfanojn lernantajn aŭ amuziĝantajn. Ili sciiĝos, ke la japana infanaro estas tre petolema, kaj la ĥina infanaro estas male tre trankvilema. Tiu leginda enketo aperas en la februara numero de « Tra la Mondo » kaj estos daŭrigata la venontajn monatojn. Ni bondeziras, ke tiu bonega ekzemplo de la utileco de Esperanto estu sekvata de ĉiuj, kiuj bezonas fari internaciajn enketojn.

### Festoj.

*Datreveno de la 24a centjaro post la batalo ĉe Maraton.* — Dum unu el la lastaj kunsidoj de la greka Parlamento, S-ro Papamiĥalopulos, deputato, proponis festi solene en la jaro 1910 la datrevenon de la 24a centjaro post la batalo ĉe Maraton. Efektive, 2400 jaroj estos tiam pasintaj de la fama batalo de l'Grekoj kontraŭ la Persoj, kiu savis de pereo la civilizacion de Grekujo kaj de la tuta mondo. Tiu memorinda tago koincidos kun la festo de la Internaciaj Olimpiaj ludoj en la jaro 1910 ĉe Ateno ; ĝi povus esti kunigita kaj festigita samtempe. La lastan jaron, Atenano, S-ro Skardulis, testamentis 10.000 draĥmojn por ĉirkaŭbari la tombaltaĵo de Maratono kaj 20.000 por starigi sur la sama loko statuon al Miltiado. La propono estas aplaŭde akceptita de la Parlamento.

# ESPERANTO PRAKTIKA

### Nia Enketo-Konkurso

Sekve de nia alvoko, ni ricevis multajn respondojn interesajn kaj zorge faritajn. Sed por ke la enketo estu tute plena kaj internacia, ni tre petas niaj legantojn en Rusujo, Svedujo, Rumanujo, Grekujo kaj Hungarujo, ke ili bonvolu sendi al ni sciigojn pri la kosto de la nutraĵoj en sia lando. Ni certe ricevos post kelka tempo respondojn el la ekstererropaj landoj : Hindujo, Japanujo, Nord-kaj Sud-Ameriko ; tial ni komencos la publikigadon de la ricevitaj respondoj nur post unu monato.

Oni legu en nia venonta numero la titolon kaj kondiĉojn de la IIa serio de nia Enketo-Konkurso.

***

Jen estas la nomoj de la lotumitaj personoj : 1. J. Méry, Versailles (duonjara abono al « Esperanto ») ; 2. Rjahovski, Levski; Bulgarujo (duonjara abono al « Esperanto ») ; 3. Klemensiewicz, Neu-Sander, Aŭstrujo (kvaronjara abono al « Tra la Mondo ») ; 4. Martin Klein, Wien (Same); 5. P. Hedstrom, Rosson, Svedujo (luksa pinglo Esperanto) ; 6. V. Leroy, Anger, Francujo (same) ; 7. A. Tellini, Udine, Italujo ; 8. Petro Martial, Namur, Belgujo ; 9. S-ino Perry, Chester, Anglujo ; 10. A. Lustig, Praha, Aŭstrujo. (Al ĉiu kolekteton de esperantaj libroj).

La lotaĵoj estos ekspeditaj antaŭ la 10a de Aprilo. Al ĉiuj respondintoj ni sendos kolekton de diversaj poŝtkartoj esperantistaj. Ni danke ricevos respondojn de la personoj, kiuj pro ajna kaŭzo ne povis ĝustatempe ilin alsendi. Tiuj personoj ricevos la poŝtkartojn same kiel la aliaj.

Ni tre dankas ĉiujn personojn, kiuj bonvolis respondi nian alvokon ; la nombro kaj diverseco de la ricevitaj respondoj montras, pli bone ol ĉio, la ĝeneralan konatecon de Esperanto, kaj la profitojn, kiujn oni tuj povas havi per ĝi.

### ESPERANTO-KONSULOJ

*(Tria nomaro)*

**Hunslet.** — S-ro J. H. Beaumont, 19 Leathley Road.

**Ipswich.** — S-ro W. Padfield, 22 Murray Road.

**Keighley.** — Esp. Of. : S-ro A. E. Smith, 27 Park Grove.

**Leeds.** — S-roj J. A. Woodhead, Newport House ; F. L. G. Marechal, 12 Eldon-place ; R. Stancliffe, Central House, street-lane.

**Liverpool.** — S-ro G. D. Lewis, 5 Tenwich-str.

**Malta.** D-ro Bussutil, Misido.

**Newcastle.** — C. S. Pearson, North-Shields.

**Nottingham.** — S-ro J. A. Hodges, Coombs Eureka Flour Co.

**Oakworth.** — S-ro Frank Rhodes, Ashville-terrace.

**Plymouth.** — S-ro J. A. Thill, 6 Barton crescent.

**Rhos.** — S-ro A. O. Mills, Herald Office.

**Southampton.** — S-ro Niedermann, 5 London Road.

**St. Helens.** — S-ro A. Griffin, Preskot-Road.

***Germanujo***

**Frankfurt-a/-Mein.** — Esp. Of. : S-ro Barthel, 14 Wöhlerstrasse.

**Leipzig.** — Esp. Of. : Kupfergasse, Magazin 20.

**Stuttgart.** — Esp. Of. : S-ro Christaller, 1 Neue Weinsteige.

***Hispanujo***

**Barcelona.** — S-ro Rosals, Portaferrisa 30.

**Bilbao.** — S-ro Prados Urquijo, Alameda de Mazarredo.

**Burgos.** — S-ro Martinez, plaza Mayor

**Catellon.** — S-ro Aparici, Pi y Margall 7.

**Coruña.** — S-ro Perea, Romualdo Gonzalez.

**Murcia.** — S-ro Codorniu, Malecon C.

**Santiago.** — S-ro Garcia, Canton del Toral 6.

***Holandujo***

**Hilversum.** — S-ro Uitterdijk.

***Italujo***

**Palermo.** — Kontoro Esp., Via Calderai.

**Romo.** — Esp. Konsulejo : Fotografia Dottarelli. 29 Via Belsiana.

***Rusujo***

**Elisavetpol.** — S-ro Urjuĉkov.

**Peterburg.** — Esp. Of. : D-ro Asnes, 29 Bol. Podjaĉesnaja log. 12.

***Svedujo***

**Stockholm.** — Esp. Of. : S-ro Ahlberg, 37, Surbrunnsgatan.

***Svisujo***

**Adelboden.** — Esp. Of. : S-ro Hopf.

**Brenets.** — S-ro Montandon.

**Chaux-de-Fonds.** — S-ro Bourquin, rue Léopold-Robert.

**Genève.** — Esp. Of. : 8, rue Bovy-Lysberg.

**Hegi-Winterthur.** — Esp. Of. : S-ro Schwengeler.

**Laufon.** — S-ro Schneebeger.

**Lausanne.** — S-ro Thonney, Rt du Tunnel.

**Zürich.** — S-ro Waltisbühl, Bahnhofstr. 46.

***Unuiĝitaj Ŝtatoj***

**Philadelphia.** — Esp. Of. : 519 N. 11 Street.

***Urugvajo***

**Montevideo.** — Konsulejo : 280 Cayo de Majo 25.

---

FELIETONO DE "ESPERANTO" 4

# La £ 1.000.000. Banka Bileto

el **Mark TWAIN**

(trad. P. A. H. Muschamp)

Nokte, dum la mallumo, tragediaĵo estis ĉiam antaŭavertanta, ĉiam minacanta ; kaj mi tial ĝemis kaj skuiĝis, malfacile ekdormis. Sed dum la gaja taglumo, la tragedia elemento elvelkis kaj malaperis, kaj mi tiam, tra la plenaero, piediris, feliĉa ĝis kapturniĝo, ĝis ebrieco.

Kaj tio estis natura ; ĉar mi iĝis unu el la plej bone konataj personoj en la ĉefurbo de l'mondo, kaj tio turnis mian kapon ne iomete, sed iomege. Oni ne povis malfermi ian jurnalon, anglan, skotan aŭ irlandan, ne entrovante unu aŭ kelkajn raportojn pri la lastaj faroj kaj diroj de la *veŝtpoŝa milionulo*. Unue en tiuj raportoj, mi staris ĉe la fino de la privata-babila fako ; tiam oni tabeligis min antaŭ la kavaliroj, poste antaŭ la baronetoj, pli poste antaŭ la baronoj, k. t. p., k. t. p. ; mi tiel suprenrampadis neŝanceleble, tiel ke mia konateco pligrandiĝis, ĝis mi atingis al la plej supra altaĵo, kaj tie mi staris antaŭ ĉiuj dukoj ne reĝaj, antaŭ ĉiuj ekleziestroj, krom la ĉefepiskopo de tuta Anglolando. Sed, atentu, tio ĉi ne estis famo, ĝis nun mi nur atingis publikan konatecon. Tiam venis la fina honorigo — la reĝokiso — kiu en unu momento transŝanĝis la morteman metalŝaŭmon de publika konateco en la eternan oron de famo : « Punĉ » karikaturis min ! (Punĉ, fama angla humora kaj politika jurnalo). Jes, jen mi estis fama ; mia situacio estis fiksita. Pri mi oni kuraĝis ŝerci, sed respektege, nek ridege, nek malĝentile ; oni kuraĝis rideti, sed ne ridi min. La tago, kiam oni povis tion fari, jam estis preterpasinta. Punĉ desegnis min, en flugetantaj ĉifonoj, marĉandantan kun turgardisto pri la turo de Londono. Nu, vi povas imagi la estadon de antaŭe neniam rimarkita junulo, kiu nun subite nenion povas diri kion oni ne tuj ekkaptas kaj ĉien disvastigas ; kiu ne povas eliri el hejmo ne aŭdante ĉiam kaj ĉie : « Jen, li iras ; tiu estas li ! », ne povas tagmanĝi ne rigardate de popolamaso ; ne povas eniri en operoloĝion, ne alcentrigante la pafadon de mil lornetoj. Nu mi simple naĝis en maro de gloro la tutan tagon — jen la vero.

Eksciu, ke mi eĉ konservis mian antaŭan ĉifonveston, kaj, en la strato, mi okaze aperis tiel vestita, por retrovi la malnovan plezuron aĉeti bagatelon kaj, insultite, mortpafi la insultanton per la milionlivra bankbileto. Sed tion mi ne povis daŭrigi. La ilustrataj revuoj tiel konigis mian vestaĵon, ke, kiam mi eliris kun ĝi, popolamaso tuj min rekonis kaj sekvis, kaj, kiam mi provis ion aĉeti, la negocisto tiam proponis vendi al mi sian tutan magazenon, antaŭ ol mi povis trafi lin per mia bileto.

Je la deka tago de mia famo, mi iris plenumi mian devon al mia standardo, farante viziton al la ambasadoro Amerikana. Li, kun konvena entuziasmo, akceptis min, min riproĉegis ĉar mi faris tiel malfrue mian devon, kaj diris, ke nur anstataŭante gaston malhelpitan de malsano je lia hodiaŭa vespermanĝo, mi ricevos pardonon. Mi jesis kaj ni ekinterbabiladis. Mi eltrovis, ke li kaj mia patro estis kunlernantoj dum sia knabeco, kunstudentoj poste en Yale universitato kaj ĉiam koraj amikoj ĝis la morto de mia patro. Do li tiam postulis, ke mi pasigu mian liberan tempon en lia domo, kaj al tio mi nature ne kontraŭstaris.

Kompreneble, mi ne kontraŭstaris, ĉar tio kontentigis min. Mi pripensis, ke, kiam venos la rompeĝo, li iel ajn povos min savi el plena detruado ; kiamaniere, mi ne sciis, sed mi opiniis, ke li eble trovos elirejon. Mi ne povis tion konfesi al li tiel malfrue ; tion mi estus farinta ĉe la komenco de mia terura Londona vivado. Ne, tion mi ne kuraĝis ; mi jam enŝoviĝis tro profunde ; tio estas tro profunde por ke mi risku ĉion malkaŝi al tiel nova amiko, kvankam mi ne tute subakviĝis, miaopinie. Efektive, komprenu, malgraŭ miaj pruntoj, mi tre zorgis ne elspezi pli ol mia salajro. Nature, mi ne povis scii kiom da salajro mi havos, sed mi gvidis min el la fakto, ke, se mi gajnus la veton, mi povus elekti kian ajn situacion en la oficejo de tiu riĉa maljunulo, se nur mi estos kompetenta — kaj mi ja montros mian kompetentecon ; pri tio mi neniel dubis. Pri la veto mi ne ĉagreniĝis ; ĉiam mi estis bonŝancema. Nu, mi opiniis, ke tiu salajro estos jare de sescent ĝis mil livroj ; verŝajne sescent la unuan jaron, pligrandiĝonte ĉiujare ĝis mi atingos la superan ciferon, dank'al mia pruvita merito. Mi ŝuldis ĝis nun mian unuan jaran salajron. Multego da personoj estis penintaj prunte doni al mi monon, sed mi kontraŭbatalis al preskaŭ ĉiuj el ili per preteksto ajn ; tiel ĉi tiu ŝuldo prezentis nur £ 300 prunte prenitan mone, la alia £ 300 prezentis mian loĝelspezon kaj aĉetaĵojn. Mi kredis, ke la duajara salajro min vivigos dum la resto de l'monato, se mi estos antaŭzorgema kaj tia mi tre intencis esti. Post la finiĝo de la monato kaj la reveno de mia mastro, ĉio estos ordigata ĉar mi tuj dividos per asigno mian dujaran salajron inter miaj kreditoroj, kaj eklaboros , ne perdante tempon.

En la aminda vesperkunveno partoprenis dekkvar personoj : Gedukoj de Shoreditch kun sia filino Dukidino Anna-Grace-Eleanor-Celeste, kaj tiel plu de Bohun, Gegrafoj de Newgate, Vicgrafo Chea pside, Gebaronoj Blatherskite, kelkaj personoj ne titolitaj, la ministro kun siaj edzino kaj filino kaj ŝia amikino, dudekdujara angla junulino, nome Portia Langham je kiu mi enamiĝis post du minutoj, kaj ŝi je mi — tion mi vidis sen okulvitroj. Estis ankoraŭ alia gasto, Amerikano — sed mi rapidigas mian rakonton. Dum la gastoj ankoraŭ en la salono, atendis la vespermanĝon, malvarmete trainspektis la malfruulojn, servisto anoncis : « S-ro Lloyd Hastings ».

Tuj kiam la konvenaj ĝentilaĵoj estis plenumitaj, Hastings ekvidinte min venis rekte kun mano etendita ; tiam li ekhaltis jus kiam ni estis manplektontaj, kaj diris kun rigardo embarasata :

« Senkulpigu min, sinjoro, mi kredis, ke mi vin konas ».

« Nu, efektive, vi min konas, kamarado ».

« Cu eble ! vi — ĉu vi estas la — la ».

« Veŝtpoŝa monstro ? Jes, vere. Ne timu min nomi per mia noknomo ; mi tute kutimas je ĝi ».

(daŭronta).

## KONSULOJ KAJ KONSULEJOJ

Kiaj estas la kritikoj aŭ observoj jam faritaj pri tiu afero ? Unue pri la vorto mem konsulo. Kelkaj opinias, ke la vorto ne estas taŭga kaj ke oni devus uzi prefere : *komercan oficiston, Esperanto-riprezentanton, Esperanto-Agenton*, k. t. p ; ankaŭ oni pretendas, ke la titolo konsulo estos malpermesita en kelkaj landoj. Tamen, apenaŭ la vorto *konsulo* aperis, tuj ĝia sukceso fariĝis neduba. Vere ĝi altrudis al ni sian taŭgecon. Efektive, ni devas vidi en tiu vorto nur ĝian plej ĝeneralan esprimon (latine, *consulere*=zorgi, atenti). Konsuloj ĉiam ekzistis en diversaj landoj : komercistaj konsuloj, juĝistaj konsuloj, k. t. p. Ni ja havas la rajton organizi esperantistajn konsulojn laŭ nia propra vidpunkto ; kaj la altrudajoj de kelkaj neliberemaj regnoj certe ne sukcesos malhelpi nin.

Ni ja ne havas la intencon egali la jam ekzistantajn oficialajn konsulojn de niaj nunaj regnoj ; ni nur deziras havi specialajn riprezentantojn ĉiam pretajn por doni al ni la necesajn servojn, ĉu komercajn, ĉu privatajn. Por trafi tiun celon, estas necese, ke konsuloj ekzistu en ĉiu urbo kaj ankaŭ ke *ili estu konataj* de la tuta esperantistaro. Ni do unue uzu la vorton *konsulo* kaj due difinu *konsuladresaron*.

Kelkaj demandis al mi, ĉu la konsuloj estos oficialaj aŭ ne. Tio ja estas antaŭtempa demando. Kiu povus hodiaŭ doni al ni la rajton nomi nin oficialaj ? Ankaŭ tio estas ne grava punkto — ni elektu nur la vorton konsulo (oficiale aŭ ne). Laŭ mia opinio, la nomoj de la konsuloj zorge elektitaj devos esti kolektitaj de konsularestro ĉiulanda, kiu difinos la plenan adresaron, interŝanĝos la ricevitajn poŝtmarkojn, k. t. p. Se la konsuloj kreiĝas mem senkontrole, laŭ la difino de la kongreso, ni baldaŭ havos disigitan korpon senkapan — kio povos naski bedaŭrindajn konfliktojn. Antaŭvidante tiun okazon, mi petis de l'kongreso en mia propono, la elekton de speciala komitato, kiu zorgos pri tiu organizo — mi bedaŭras, ke tion oni ne faris. Sed tion ja ni mem povos efektivigi, laŭ la propra opinio de S-ro G. Moch. Mi intencas baldaŭ proponi al la jam ekzistantaj konsuloj la elekton de tiu komitato, kiu, ricevinte la rimarkojn de ĉiuj, povus difini la eblan reguläron, proponi la baloton de konsularestro, k. t. p., fine starigi raporton prezentotan de la tria kongreso.

Ni jam havas perfektajn taŭgulojn por tiu afero, kiel s-roj G. Moch en Parizo, Duchochois en Boulogne, Sam. Meyer en La Rochelle, k. t. p. — mi petas de ili pardonon pro la cito de iliaj nomoj, ne ricevinte permeson. — Eĉ s-ro Meyer jam agadis por kolekti diversajn sciigojn pri tiu afero. Ankaŭ ni ne forgesu la penadon de s-ro Rousseau pri oficejoj, kiuj efektiviĝus kiel specialaj komercaj firmoj per Esperanto, sed tio eble flanke de l'konsulejoj, kaj laŭ plej liberemaj mempersonaj difinoj.

Ni danku Esperanto-jurnalon pro la helpo donita de ĝi al nia afero ; ĝi klare vidis, ke de nun oni devas konsideri Esperanto ne kiel celon, sed kiel perilon. Ni uzu tiun perilon.

A. Carles.

Kelkaj konsuloj sendis al mi kun siaj aliĝoj la monsumon da fr. 0,50 proponitan de mi por la konsuladresaro ; mi kreditigas ilin je sama sumo, ĝis la efektiviĝo.

## KONSULAJ INFORMOJ

**Bourg.** — Nia Esp. Of. jus atingis bonegan rezultaton. Oni eble scias, ke, en Francujo ekzistas en preskaŭ ĉiuj departementoj, societoj, kiujn oni nomas Iniciataj Sindikatoj. Tiuj gravaj societoj celas : 1°/ Faciligi al la turistoj la vojaĝojn kaj la restadon, ĉu dum somero, ĉu dum vintro, en sia regiono. Por tio, ili klopodas al la autoritatoj por plibonigo kaj plimultigo de la vojoj, kiuj kondukas al la pentrindaj lokoj, starigas benkojn, vojmontrilojn, instigas la kreon de hoteloj kaj tre ofte pagas plene aŭ parte por ĉi tiuj entreprenoj. 2°/ Diskonigi la vidindajojn de sia regiono kaj doni al la turistoj ĉiujn bezonatajn informojn. Por tio, ili eldonas ĉiujare gvidlibrojn, liston de la hoteloj, k. c., kiujn ili senpage disdonas, kaj sendas al ĉiuj petantoj. Ili havas plej ofte oficejojn en multaj urboj, ĉu enlandaj, ĉu eksterlandaj, kie aŭ el kie, oni povas ricevi ĉiujn dokumentojn. Tiuj societoj havas ofte multe da anoj (generale kelkajn milojn) precipe hotelistoj, komercistoj, k. a.. kies kotizajoj plenigas la kason. Ili estas ankaŭ treege helpataj de la lokaj estraroj, kaj de la gravega Turing-Klubo, kiu ĉiam tiel fervore subtenis ankaŭ Esperanton en Francujo.

Sed la gvidlibroj kaŭzas al ili gravajn elspezojn, ĉar ili devas eldoni ilin per multaj lingvoj, ĝenerale franca, angla, germana kaj itala ; kaj plie, estas malfacile ilin diskonigi al la fremduloj.

La Iniciata Sindikato de la departemento Ain bonege komprenis kiel multe Esperanto povus esti utila en tiu afero. La dimanĉon 10an de Marto, ĝi havis sian ĝeneralan kunvenon en Nantua, ĉarma urbeto, kiu kuŝas, je du horoj malproksime de Genevo kaj Ljono, apud pentrinda lago en la montaro Jura ; ĝi unuanime kaj entuziasme decidis eldoni sian ĉiujaran gvidlibron nur per la franca kaj internacia lingvoj. Samatempe, ĝi difinis senliman monsumon, tiom kiom estos necesa, por la esperanta eldono. La urbestroj de Bourg kaj Nantua plej varme apogis la proponon. Tiu esperante redaktita gvidlibro estos senpage disdonata en la Esperantistaro. Mi esperas, ke niaj samideanoj de la tuta mondo kaj speciale niaj kolegoj, la Publikaj Esp. Of. kaj la esp. Konsuloj bonvolos kiel eble plej konigi tiun broŝuron al la esperantistoj, kaj, laŭ peto ĝin traduki al la neesperantistoj de sia urbo. Cetere, multe da ili al ni jam tion promesis.

Mi denove insiste rediras, ke, niaflanke, ni zorge diskomunikos en nia urbo la prospektojn, prezarojn, k. a. esperante redaktitajn, kiujn oni sendos al ni per la Esp. Of. aŭ konsuloj, kiel ni jam faris pri tiuj ricevitaj el Troyes, Londono, Ste-Lavine, Boulogne, Parizo, k. c., kia ajn estas la devena nacio, kaj la enhavo de tiuj prospektoj : neŭtraleco, senpartieco, kaj liberinterŝanĝismo, ĉu pri la ideoj, ĉu pri la komercajoj, estas nia fundamenta principo.

Speciale estas notinda, ke, el la estroj de la Iniciata Sindikato de Ain, neniu scias Esperanton. Sed nia Pub. Esp. Of. estis kompreniginta al ili, ke tute ne estas necesa ĝin scii por ĝin uzi ; ke Esp. Of. precize celas utiligi Esperanton por la neesperantistoj, kiel publika telefona kajuto celas utiligi telefonon por la neabonintoj. Sekve, la Iniciata Sindikato abonis nian Pub. Esp. Of. Niaflanke, ni helpos ĝin en la redaktado de ĝia gvidlibro, kaj ni transdonos senpage, letere aŭ buŝe ĉiujn sciigojn pri nia regiono, laŭ vidpunkto de turismo, somerrestado, k. a., kiujn oni petos per Esperanto.

Mi esperas, ke, baldaŭ, sama interkonsento okazos inter ni kaj la Sindikato de la Komercistoj kaj ke ni povos transdoni, sub la respondebleco de tiu societo, ĉiuspecajn informojn, eĉ privatajn, pri komerco. Tiamaniere, oni povos plene konfidi la informojn donitajn de ni, ĉar ni ĉerpos ilin el la plej bonaj fontoj.

Ni rememoras, ke ni sendas poŝtkartojn ilustritajn de la preĝejo de Brou en Bourg, fame konata historia belartajo de la XVIa centjaro.

Nur skribu al : S-ro Th. Rousseau
Pub. Esp. Ofico, Bourg (Ain) Francujo.

Ni treege atentigas pri la rezultato atingita de la Esp. Of. de Bourg, kiu pruvas, ke la aferistoj estas pli pretaj uzi Esperanton ol oni tro ofte ripetas. Nur, ĉar ili estas tre okupataj homoj, oni ne devas postuli ke, je sia aĝo, ili lernu Esperanton. La Pub. Esp. Of. celas maltrudi al ili tiun lernadon ; kaj ni estu certaj ke, uzante ĝin, ili ĝin lernos baldaŭ kontraŭvole. Ni scias, ke jam la Iniciata Sindikato de Ljono faris ion similan de du jaroj kaj ke tiu de la departemento Aube (2.000 anoj) jus elektis kiel prezidanton nian kleran samideanon S-ro Doré, manufakturiston, konsilanton por la franca eksterlanda komerco, prezidanton de la Esp. grupo de Troyes, kaj post tiu elekto, kreis tuj esperantistan sekcion.

Ni esperas, ke similaj societoj en Francujo kaj en la aliaj landoj, speciale en Svisujo, la Societoj por pliprosperigo (Sociétés de développement, Verkersverein), k. a. sekvos baldaŭ tiun ekzemplon. Niaj Esp. Of. klopodu por tio.

## AL NIAJ LEGANTOJ

*Al niaj Agentoj.* — Ni tre petas niajn agentojn, ke, en la unua semajno de Aprilo, ili bonvolu sendi al ni sian kalkulon *kune kun la mono*. Nur la sumojn, kiuj ne superas 2 frankojn ili povas konservi ĝis la venonta kalkulo ; ĉiujn aliajn ili bonvolu sendi kiel eble plej baldaŭ al nia administracio. Ni konfidas al ilia akurateco kaj rapideco por plifaciligi la malfacilan taskon de la dumonata monkolektado kaj eviti al ni senutilan korespondadon.

Ni ripetas, ke oni povas sendi la kalkulon kiel presajon en nefermita koverto. Aliparte, la Agentoj loĝantaj en Francujo povas pagi al ni per poŝtmandato pagebla en la franca poŝtoficejo « Annemasse » je la nomo de la direktoro.

***

*Niaj vendejoj.* — Ili fariĝas pli kaj pli multaj. ESPERANTO estas aĉetebla ĉe la francaj, svisaj, belgaj stacidomoj, ĉe la tenejoj de la franca agentejo Hachette & Kio, de la Agentejo de la Belga Gazetaro Dechenne, de la grava sudfranca agentejo de la jurnalo « La Dépêche de Toulouse » kaj ĉe multaj publikaj jurnalejoj, kioskoj, librejoj, k.t.p. en la francaj, svisaj, anglaj, hispanaj, bulgaraj, svedaj, urboj Ni estos tre dankaj al ĉiuj personoj, kiuj bonvolos montri al ni la lokojn, kie oni ne trovas ESPERANTO kaj kie oni devus ĝin trovi. Niaj agentoj kaj entute niaj legantoj postulu de la vendistoj, ke ili elmetu la jurnalon same kiel la naciajn gazetojn, ĉar la sperto montris al ni, ke tio estas tre bona por la propagando.

## Esperantista kroniko

La esperantista kronikanto estas embarasata, ĉar antaŭ li kuŝas multo da libroj, da jurnaloj, da broŝuroj, kaj tiu diversa materialo prezentas malfacile resumeblan enhavon. Jen tamen, nova alloga revuo, nome « American Esperanto Journal » ; ĝi estas la organo de la nord-amerikaj esperantistoj kaj oni en ĝi trovas ĝojigajn novajojn pri niaj progresoj en tiu esence praktikema lando. Tre certe, jen estas farita grava paŝo, kaj, konante la realigemon de la Amerikanoj, ni ne dubas, ke, post ne longa tempo, la movado esperantista estos tie en plena florado. Cetere, ne nur en Nord-Ameriko, sed ankaŭ en Sud-Ameriko, Esperanto antaŭeniĝas : en Brazilujo, Urugvajo, Argentino, Peruo, grupoj kaj konsulejoj fondiĝas ; ĉio do antaŭsignas, ke en Ameriko kiel en Eŭropo, ekzistos baldaŭ neniu lando, neniu urbo, kie ne estos almenaŭ kelkaj spertaj esperantistoj.

En la franca kaj angla propagandaj gazetoj, oni ĉie legas raportojn pri kursoj, festoj, paroladoj ; en Francujo, la grava propono de s-ro Corret pri la oficiala enkonduko de Esperanto en la programojn de la lernejoj estos baldaŭ diskutata ĉe la Parlamento ; multaj deputatoj jam promesis apogi la proponon ĉe la momento de la diskuto ; ni atendu... En Anglujo, la jam fama Trio por la Tria forte laboras por la sukcesego de la IIIa kongreso ; ĉiu de nun ŝparu monon kaj sin pretigu por la veturo Kembriĝon, ĉar ju pli multaj ni estos, despli la fakto estos grava kaj pruvoplena.

Antaŭ tiu grava tutmonda kongreso, niaj germanaj samideanoj baldaŭ havos sian nacian kongreson en Dresdeno, kie estos priparolataj la demandoj de nacia propagando ; ĉeestos kredeble alinaciaj esperantistaj eminentuloj, la sukceso de tiu kunveno estas do certigita. Aliajn kuraĝigajn novajojn sendas Aŭstrujo, Bohemujo, Svedujo kaj Rumanujo.

***

Denove granda nombro da novaj libroj ; ni povas nur citi, kaj ne analizi. D-ro Kabe tradukis el germana lingvo la konatajn « Fabelojn » de Grimm, kiuj liveras multajn agrablajn legajojn nelongajn en la plej pure esperanta stilo. La jam de longe atendita « franca gramatiko por Esperantistoj » jus aperis ; ĝin verkis tre lerte S-ro Paul Boulet ; ĝi respondas venke al la kontraŭparolo, per kiu oni diras, ke Esperanto detruos la naciajn lingvojn. Pro la grava utileco, kiun ĝi alportos al nia propagando, ni tre varme rekomendas ĉi tiun libron al la Esperantistaro. Inter la esperante skribitaj broŝuroj, ni citu ankaŭ amuzan unuaktan komedieton, nome « Sinjoro Badin », sceno el la skriboficeja vivado, tradukita el la franca aŭtoro Courtelines, de niaj samideanoj R. Beck kaj R. Jean., rakonton de Edgar Poe tradukitan de S-ro Pride : « La Puto kaj la Pendolo », alvokon « Al la virinoj », tradukitan de Fi-Blan-Go laŭ Urbain Gohier pri la kruelajoj de la milito, la unuan broŝuron de serio titolita « Hungara Poemaro », versaj tradukoj de niaj hungaraj samideanoj el diversaj naciaj poetoj k.t.p. S-ro Ch. Vérax publikigis franca-esperantan vortaron pri la teknikaj esprimoj uzitaj en fotografarto, en kiu oni trovos multajn utilajn ĝis nun mankantajn esprimojn ; aliparte la « Franca-Esperanta Vortarego », eldonata de la Presa Societo de nun regule aperos ; la tria kajero entenas multajn vortojn kaj specialajn esprimojn ; La dua eldono de la Zamenhof, a germana vortaro ankaŭ aperis ; al la personoj, kiuj sin interesas pri la lingvaj demandoj kaj ĝenerale al ĉiuj esperantistoj, estas rekomendinda la legado de la utila laboro de S-ro P. Corret, publikigita en No Marta de « Lingvo Internacia » pri la nomita vortaro. « Praktikaj Komercaj Leteroj » estas la titolo de nova verko en angla kaj esperanta lingvoj, tre praktike elfarita de S-roj O'Connor kaj P. D. Hugon. Fine, aparte citinda estas la propaganda broŝuro de S-ro G. Chavet en franca lingvo : « L'Esperanto. Où en sommes-nous ? ; ĝi enhavas ne nur vortojn, sed faktojn kaj bonan resumon de la ĝisnunaj progresoj faritaj de Esperanto en la diversaj fakoj.

A. R.

27 MARTO 1907. Unu Numero : 10 CENTIMOJ TRIA JARO. — N° 4

# ★ ESPERANTO ★

DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

**ADMINISTRATION**

8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Suisse)

Abonnement annuel . . . . . . . . . . . . 3 francs
Un numéro . . . . . . . . . . . . 10 cent.

On s'abonne à l'Administration ou auprès des agents locaux

**PUBLISHING OFFICE**

8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Geneva (Switzerland)

Yearly subscription . . . . . . . . . . . . 2s.6p.
Separate copies . . . . . . . . . . . . 1d

Subscriptions payable to the Publishers or the Local Agents

**ADMINISTRATION**

8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genf (Schweiz)

Preis pro Jahr . . . . . . . . . . . . Mk 2.50
Einzelne Nummern . . . . . . . . . . . . Mk 0.10

Abonnements Preise sind zu bezahlen durch die Administration oder die Abgeordneten derselben

## L'Esperanto dans les armées

Le mouvement esperantiste dans les armées a fait, au cours de ces derniers mois, de nombreux progrès. En effet, en dehors de l'intérêt général qui s'attache à l'adoption d'uue langue auxiliaire, l'armée est directement intéressée à la vulgarisation de l'Esperanto. En temps de guerre, bien nombreux sont les cas où doivent s'établir des relations orales ou écrites, avec l'ennemi ou l'habitant d'un territoire envahi : réquisitions, pourparlers, armistices, etc. ; ces relations acquièrent une importance considérable lorsqu'elles ont lieu entre des armées alliées et de langues différentes. Même en temps de paix, l'emploi d'une langue seconde trouve son application ; citons : les voyages à l'étranger, délimitations de frontières, manœuvres militaires, la participation à des services publics, tels que la gendarmerie de Macédoine, internationaux, tels que l'occupation de la Crête et l'expédition de Chine. Au cours de cette dernière campagne, plusieurs officiers ont reconnu publiquement et à différentes reprises l'avantage qu'il y aurait eu à se servir d'une langue internationale, telle que l'Esperanto, grâce à laquelle les officiers des différents corps de troupe auraient pu librement communiquer.

Quelle est la diffusion actuelle de l'Esperanto dans les diverses armées ? La France se trouve à l'avant-garde. De très nombreux officiers font partie des groupes esperantistes à la suite d'une permission spéciale accordée par les ministres de la guerre et de la marine ; MM. les lieutenant Bayol, capitaine Capé etc. ont fait une propagande en faveur de l'introduction de l'Esperanto dans les milieux militaires. L'Esperanto est enseigné dans de nombreux établissements d'intruction militaire : école de St-Cyr, école Polytechnique, aux foyers du Soldat de Versailles et Vincennes, et dans les garnisons de Boulogne, Amiens, Bourges, Caen, etc. Partout des conférences auxquelles assistent des officiers supérieurs et des articles très favorables dans les revues militaires. Dans les armées des autres pays, le mouvement esperantiste n'a pas moins de succès. En Russie, en Bulgarie, en Espagne surtout, un grand nombre d'officiers supérieurs sont esperantistes ; de même en Angleterre où le président de la puissante Association esperantiste est un officier. En Suède, un cours d'Esperanto a été commencé à la Garde Royale ; ailleurs, à Rio-de-Janeiro, le colonel Campos a fait organiser deux cours d'Esperanto. Dans les Etats-Unis et les Philipines, l'Esperanto compte des adeptes non seulement parmi les officiers, mais aussi parmi les hommes de troupe. Même fait au Japon, où le général Oku a rendu un témoignage public relatif à l'utilité de l'Esperanto. Signalons pour terminer ce trop bref résumé, la réunion des officiers esperantistes tenue durant le Congrès de Genève et la remarquable conférence faite en Esperanto à ce même congrès par l'explorateur belge bien connu, capitaine Lemaire. Dans un prochain article, nous parlerons de l'application pratique de l'Esperanto à l'œuvre philantropique de la Croix-Rouge.

*Esperanto-Journal.*

Les renseignements ci-dessus sont extraits d'un article très documenté de « fervorulo » dans « Armée et Marine » (janvier 1907).

## Das Esperanto in den Armeen

Im Laufe der letzten Monate hat die Esperantobewegung in den Armeen zahlreiche Erfolge erzielt. Neben dem allgemeinen Interesse, das die Annahme einer Hilfssprache bietet, ist die Armee an der Verbreitung des Esperanto direkt beteiligt. In Kriegszeiten kommt es sehr oft vor, dass mit dem Feinde oder dem Einwohner des besetzten Landes, mündliche oder schriftliche Beziehungen angeknüpft werden müssen: Untersuchungen, Requisitionen, Unterhandlungen, Waffenstillstände u. s. w.; diese Beziehungen erlangen eine grosse Bedeutung, wenn sie zwischen verbundeten Armeen mit verschiedenen Sprachen stat finden. Sogar in Friedenszeiten ist die Verwendung einer zweiten Sprache praktisch; wir erwähnen Reisen ins Ausland, Grenzbereinigungen, fremde Kriegsmanöver, Teilnahme am Staatsdienst wie die Polizei in Macedonien oder an internationalen Dienstleistungen wie die Besetzung von Creta oder die Chinaexpedition. Auf letzterm Feldzuge haben mehrere Offiziere zu verschiedenen Malen öffentlich den Vorteil anerkannt, den eine Hilfssprache wie das Esparanto bieten würde, mittelst welcher die Offiziere der verschiedenen Truppenkörper ungezwungen miteinander verkehren könnten.

Wie steht es gegenwärtig mit der Verbreitung des Esperanto in den verschiedenen Armeen? Frankreich ist an der Spitze. Sehr viele Offiziere sind Mitglieder von Esperantovereinen auf Grund einer besondern Erlaubnis von Seiten der Minister des Kriegs und der Marine; die Herren Leutnant Bayol, Hauptmann Capé u. s. w. haben zu Gunsten der Einführung des Esperanto in die militärischen Kreise Propaganda gemacht. Das Esperanto wird in zahlreichen militärischen Lehranstalten gelehrt: Schule von St.-Cyr, Polytechnische Schule, in den Soldatenheimen von Versailles und Vincennes, und in den Garnisonen von Boulogne, Amiens, Bourge, Caen u. s. w. Ueberall haben Vorträge stattgefunden, denen die höhern Offiziere beiwohnten, und sind günstige Artikel in militärischen Zeitschriften erschienen.

In den Armeen anderer Länder hat die Esperantobewegung nicht weniger Erfolge aufzuweisen. In Russland, in Bulgarien, in Spanien besonders, sind eine grosse Anzahl von höheren Offizieren Esperantisten, ebenso in England, wo der Präsident der mächtigen Esperantovereinigung ein Offizier ist. In Schweden ist in der Königlichen Garde ein Esperantokurs begonnen worden; ferner hat in Rio-de-Janeiro der Oberst Campos zwei Esperantokurse einrichten lassen. In den Vereinigten Staaten und auf den Philippinen zählt das Esperanto nicht nur unter den Offizieren, sondern auch unter den Leuten der Truppe Anhänger. Das gleiche ist in Japan der Fall, wo der General Oku von der Nützlichkeit des Esperanto öffentlich Zeugnis abgelegt hat. Zum Schluss dieses kurzen Aufsatzes erwähnen wir noch die Versammlung der esperantistischen Offiziere am Kongress in Genf und den bemerkenswerten Vortrag in Esperanto am gleichen Kongress durch den bekannten belgischen Forscher, Herr Major Lemaire. In einem folgenden Artikel werden wir von der praktischen Anwendung des Esperanto beim menschenfreundlichen Werke des Roten Kreuzes sprechen.

*Esperanto-Journal.*

## Esperanto and the Armies

A considerable impulse has been given to Esperanto these last months in the world's armies. As a matter of fact the army has its own special interests in the vulgarisation of Esperanto. Oral or written communications must frequently be made in time of war with the enemy or with the inhabitants of an invaded territory: scouting, requisitions, discussions, truces, etc.; even more important are the communications between allied forces speaking different tongues. Even in time of peace an auxillary tongue is not superfluous; e. g. travelling abroad, limitation of frontiers, foreign military manœuvres, participation in public service, such as the *Macedonian police*, the occupation of Crete and the Chinese expedition. During the last mentioned affair, many officers have publicly recognized the utility of a common tongue, such as Esperanto to enable the officers of different corps to hold free intercourse.

In what proportion is Esperanto actually spread in the armies?

France is in the van. Very many have profited by the permission of the ministers of war and of the navy to become members of various Esperanto groups. Capt. Capé, Lieut. Bayol and others, have done much to introduce Esperanto into military cercles. Esperanto is taught in many military schools e. g. St-Cyr, the Polytechnicum, the institutions at Versailles and Vincennes, and in the garrisons at Boulogne, Amiens, Bourgo, Caen, etc. Everywhere officers take a part in conferences and very favorable articles are written in military magazines. In the armies of other countries the Esperanto movement is equally successful. In Russia, in Bulgaria and particularly in Spain, a large number of officers are Esperantists; in England the president of the powerful Esperantist Association is an officer. In Sweden a course of Esperanto has been begun for the Royal Guards; moreover at Rio-de-Janiero, Col. Campos has organized a series of Esperanto lessons. In the United States and in the Philinines, Esperanto counts its adherents not only among the officers but also among the privates. To terminate this curtailed account, we must mention the meeting of Esperantist officers held during the Geneva Congress and the remarkable lecture given in Esperanto by the well-known explorer, Capt. Lemaire.

In our next article we shall speak of the practical application of Esperanto to the philanthropical work of the Red Cross.

*Esperanto-Journal.*

## El Esperanto en los ejércitos

El movimiento esperantisto en los ejércitos ha hecho en el curso de estos últimos meses mucho progreso. En efecto fuera del interez general que se une á la adopcion de una lengua auxiliar, el ejército está directamente interesado á la propagacion del Esperanto. En tiempo de guerra numerosos son los casos donde deben establerse relaciones orales ó escritas con el enemigo ó el habitante de un territorio invadido: reconocimientos, requisiciones, conferencias, armisticios, etc.: estas relaciones adquieren una importancia considerable, cuando tienen lugar entre ejércitos aliados y en lenguas diferentes. Hasta en tiempo de paz, el empleo de una segunda lengua halla su aplicación; citémos los viajes al extranjero, limitaciónes de fronteras, maniobras militares extranjeras, la participación á servicios públicos, tal como la gendarmeria de Macedonia, internacionales, tal como la ocupación de la Creta y la expedición de la China. En el curso de esta última campaña, muchos oficiales han reconocido públicamente y en diversos casos la ventaja que hubiera habido de servirse de una lengua internacional tal como el Esperanto, gracias á la cual los oficiales de los diferentes cuerpos de tropa habrian podido comunicar libremente.

Cual es la difusión actual del Esperanto en los ejércitos diversos? La Francia se encuentra á la vanguardia. Numerosos oficiales hacen parte de grupos esperantistos en seguida de un permiso especial acordado por los ministros de guerra y marina; los S. S. tenientes Bayol, capitan Capé, etc.; han hecho una propáganda en favor de la intróducción del Esperanto en los círculos militares. El Esperanto se enseña en numerosos establecimientos de instrucción militar: escuela de San-Cyr, escuela politecnica, en los hogares del soldado de Versalles y de Vincennes, y en las guarniciones de Buloña, Amiens, Burgo, Caen, etc. Por todas partes conferencias á las cuales asisten oficiales superiores y articulos muy favorables en las revistas militares. En los ejércitos de los demás paises, el movimiento esperantisto no tiene menos éxito. En la Rusia, la Bulgaria, en España sobre todo un gran número de oficiales superiores son esperantistos; asi como en Inglaterra donde el presidente de la poderosa asociación esperantista es un oficial. En Suecia un córso de Esperanto empezó en la guardia real; en otras partes, en Rio de Janeiro, el coronel Campos ha hecho organizar dos cursos de Esperanto. En los Estados Unidos y las Filipinas, el Esperanto cuenta adeptos no solo entre los oficiales, pero tambien entre los hombres de tropa. Mismo hecho en el Japon, donde el general Oku ha dado una testificación pública relativa á la utilidad del Esperanto. Señalemos para terminar este demasiado corto resúmen, la reunion de oficiales esperantistos que tubo lugar durante el congreso de Ginebra y la notable conferencia hecha en Esperanto en ese mismo congreso por el muy conocido explorador belga, capitan Lemaire. En un próximo artículo, hablarémos de la aplicación practica del Esperanto á la obra filantrópica de la Cruze-Roja.

*Esperanto-Journal.*